# LA SKOLTA MONDO 2/96-2/97



Esperanto-vojeto dum la tendarego LOISTO, paĝo 21.


Printebla versio

## Enhavo

---

# ENKONDUKE

## Strategio - "SEL - 2000"

*Jaroslaw Fotyga kun la Pola Sekcio de SEL verkis proponon por SEL-strategio en marto pasintjare. Tiun proponon ni nun publikigas preskaù senshanghe. Tial ghi ekzemple mencias estontan seminarion, tiun kiu jam okazis. En alia artikolo en tiu chi numero de La Skolta Mondo vi trovos analizon el la vidpunkto de organizanto pri la seminario, kiu okazis en Pollando aùtune Jen la Strategio "SEL - - 2000'*

---

La funkciado de la Ligo en modernaj tempoj postulas la ekzistadon de bone organizita varilanda grupo de skoltestroj por ke ili povu efike plani, organizi kaj kunlabori. Ili devas konstrui bonan planon strategion, en kiu oni priskribas revojn, planojn, intencojn. Chiu serioza organizo devas scii kien kaj kiel ghi volas iri, kiujn celojn atingi kaj kiamaniere agi por estonte sukcesi. Persone mi pensas, ke indas fari chi tiun planon, ech strategion por estonteco. Post la akceptado en pli vasta forumo la Centra Komitato devus dividi la taskojn kaj realigi Sin dum certa periodo. Landaj sekcioj povas tiam konstrui propran planon alghu ustigitan al surlokaj kondichoj.

Chi sube mi prezentas la provversion de la Strategio "SEL - 2000" Bonvolu skribu kion vi pensas pri ghi, aldonante viajn komentojn.

I EKSTERAJ RILATOJ

1. Oficialigo de kontaktoj inter SEL kaj WOSM , WAGGGS kaj esperan-taj organizoj UEA, TEJO.

Temas pri oficiala akccptado de la ekzisto de SEL, intershangho de informoj. invitiloj al seminarioj, konsultado de ideoj, intershangho de artikoloj. La

kontaktojn kun TEJO eble ni uzos organizante propran sekcion ene? Mi ne scias detale kiamaniere oni povas agi sur cxi tiu kampo sed mi estas certa, ke ni devas fari ion. 2. Strehado por oficialigo de SEL en landaj skoltaj organizoj

Mi proponas, ke chiu landa sekcio de SEL devas strebi por riccvi oficialan permeson por agi en la landa asocio. Krom subteno oni povas ricevi eblecon intlui la programon de la skolta asocio.

II ORGANIZO

3. Renovigo de la reto de landaj sekcioj de SEL

La punkton numeron 2 oni ne atingos sen fortaj landaj sekcioj de nia Ligo. LaGhenerala Sekretario devus jamaniere kontroli la sekciojn por forstreki neaktivajn. Alia afero estas manko de regularo por novaj Naciaj Reprezentantoj. Oni devas scii chu la kandidato povas gvidi la sekcion, chu li/shi havas planon pri enlanda agado k.t.p. Ni havas preskaù 27 sekciojn kaj ni ne scias pri iliaj planoj k.t.p.

4. 2000 membroj en 2000 jaro!

La membraro en la Ligo estas en krizo. Mi verdire ne scias kiom da membroj estas nun en SEL. Antaù kelkaj jaroj ni skribis al chiuj Naciaj Reprezentantoj de SEL por ricevi ion al ekspozicio. Ni rice-vis nur 5 respondojn. La membraro estas la bazo de alia agado.

III ARANGHOJ

5. La programo "Seminario '96 -Trejnkurso '97 - Tendaro '98"

Ni ricevis la subvencion por la TEJO/SEL-seminario chi-aùtune. Ghi estas la plej grava arangho chijare por nia Ligo en Eùropo. Dum la seminario ni povos en tre favoraj financaj kondichoj ekplani nian agadon, intershanghi ideojn kaj simple popularigi la lingvon surloke. La dua pasho estas trejnkurso por tute novaj skoltaj funkciuloj el 20 malsamaj landoj organizita simile al la Seminario. La celo de ghi estos la lernado de esperanto laù Cseh-metodo kaj trej-nado de SEL-skoltestroj el variaj landoj. La tria pasho estas Tendaro. Post

la trejnkurso la partoprenatoj plue aktivas kune en la kadro de Skolta Reto. Ili kune agos konektante siajn proprajn skoltgrupojn -intershangho de skoltajhoj, leteroj, fotoj, vidbendoj. Post jaro ili tendaros kun skoltgrupoj dum la Internacia - - kun chirkaù 20 nacioj - SEL-jhamboreo.

6. Laù eblecoj chiujara internacia tendaro de SEL

La ideo de komunaj tendaroj estas tre bona por la internada karaktero de nia Ligo. Indas ankaù enkonduki la ideon de ambasadoroj de SEL. Grupo de geskoltoj aù unu persono vojaghos al alio lando por partopreni lun tendaron. Ili samtempe oficiale vizitos Regionan Skoltoficejon prezentante la agadon kaj ideon de SEL en siaj landoj.

7. Subtendaro dum la Monda Jham-boreo.

SEL organizu subtendaron dum la Monda Jhamboreo por la plej bonaj, aktivaj membroj el Eùropo. Komuna vojagho al Suda Ameriko, restado Ce esperantistoj, instruado kaj popularigo de esperanto dum skoltaj tendaroj en variaj sudamerikaj landoj. Profesie organizita grupo de skoltestroj kaj pliaghaj geskoltoj. Kompreneble tio postulas preparagadon tuj.

IV INFORMADO

8. Starigo de regulaj kontaktoj inter SEL kaj Skoltaj kaj Esperantaj informcentroj.

La informlaboro estas tre grava. Oni devas subteni " La Skoltan Mondon". Ghia altkvalita nivelo bone pruvas pri SEL. Alia afero estas la kontaktado kun :

- Eurofax

- artikoloj en landaj skoltmagazinoj

- Interretaj diskutforumoj

- soc.culture.esperanto, rec.scouting; scout-l@trearn.bitnet

,czuwaj@plearn.bitnet kaj aliaj similaj elektronikaj forumoj.

Mi esperas, ke dum la informado pri nia seminario ni povus starigi chi tiujn kontaktojn.

Skolte ,

Jaroslaw A. Fotyga,

# Oficialaj informoj

## Luksemburgo

**Guido Ricci estas nia nova Nacia Reprezentanto por Luksemburgo. Li laboras kiel tradukisto che la Kortumo de la Eùropaj Komunumoj. Guido jam delonge estas membro de Skolta Esperanto-Ligo kaj aktiva skoltestro, komence en Italio, nun en Luksemburgo.**

---

## Kazahio

**Nia nova NR en Kazahio estas Kabjan Edilbay. Li unuafoje renkontis Skoltan Esperanto-Ligon en la Monda Jhamboreo en Nederlando 1995. Surprizite li trovis la Esperantan flagon en la Jhamboreo kaj Esperanto-parolantajn geskoltojn! Kaj tie li povis revivigi siajn sciojn de Esperanto en skolta medio. Li trovighas sur la foto de la antaùa numero de La Skolta Mondo. Kabjan Edilbay estas unu de la fondintoj de la Organizo de Skolta Movado en Kazahio antaù chirkaù kvin jaroj.**

---

## Nov-Zelando

**Gwenda Sutton revenis de Japanio kaj aktive prizorgas SEL-on en Nov-Zelando.**

---

## Norvegio

**Norvega Esperantista Ligo promesis peri la pagojn por Skolta Esperanto-Ligo en Norvegio. Tiel do eblas pagi la SEL-kotizon pere de NEL.**

---

## Rumanio

**En Rumanio nun mankas Nacia Reprezentanto char Kornelia Nagy loghas en Hungario. Shia adreso estas: Murànyi u. 1545 H-1078 Budapest Hungario.**

# Jarkunsido de Skolta Esperanta-Ligo dum la Universala Kongreso

*Dum la Universala Kongreso de Esperanto en Prago, Chehio en 1996 okazis jarkunsido de Skolta Esperanto-Ligo. Ankaù en la chijara UK en Adelaide, Australio okazos SEL-jarkunsido. Se vi cheestos la kongreson ne maltrafu la SEL-kunsidon!*

# E T A J N O T O J

---

## Cxehxio: Somera Esperanto-Tendaro kaj Skolta Libro en Esperanto.

*La Someraj EsperantoTendaroj okazos chijare jam la 45an fojon. Partoprenas entute ch. 160 personoj. Pavel Sittauer, kiu chefe organizas ilin nun estas pensiulo. Li gvidas oldskoltan grupon kaj antaù kvar jaroj li chesis labori en la distrikta skolta komitato. Li rakon tas:* **Antaù kvin jaroj mi komencis instrui en nia SET ankaù la lingvojn anglan, germanan kaj francan, pro tio ke ni volas rapide eniri Eùropon. Iom malaltighis la intereso pri Esperanto. Bedaùrinde .**

**SET okazas en tri dusemajnaj etapoj. La unua komencighas la 29an de junio.**

**Skolta Esperanto-Ligo kaj Esperanto-klubo de Theodor Kilian en Trebic eldonis pasintjare en Esperanto libron de fama cheha skoltestro kaj verkisto Jaroslav Foglar "La Knaboj de la Kastora Rivero". La libro estas tradukita de Dieter Berndt. La rakonto priskribas la tempon de komenco de skoltismo en nia lando dum la dudekaj jaroj. La rakonto komencighas jene: "***Ghis jaùdo, la 12-an de marto, Vilik kaj Jirka vivis ordinaran vivon, kiun vivas vi kaj kun vi miloj kaj miloj da aliaj knaboj en la mondo.*

*Ili grumblis pro la lernejo kaj hejme kontraùparolis al la patrinoj. Vespere ili iris acheti etajn necesajhojn, bezonatajn por la venonta tago, kion ech stultulo ne povus fushi; de tempo al tempo ili enighis en iujn interbatighojn - kaj chio chi ilin chiam nur ege enuigis.*

*Do, ghis jaùde vespere.*

*Kaj vendrede, la 13-an de marto chio komencighis.*

*Vendredon, la 13-an de marto okazis io, kio shanghis ghis ilian tutan ghisnunan vivon kaj faris el ghi seninterrompan vicon da furoraj, strangaj okazajhoj..."*

**La leganto estas gvidata tra la aventuroj de la Knaboj de la Kastora Rivero. La romano havas 166 paghojn. (Recenco de la libro estas bonvena por sekva numero de La Skolta Mondo.)**

---

# Instruado al skoltoj en Ukrainio

**Por Ukrainio la skoltismo estas nova fenomeno. La infanoj okupighas pri la kluboj kun plezuro. Ankaù en la lernejo N9 de mia urbo funkcias skolta klubo. La 12-jaraj geknaboj en 1995 partoprenis internacian skoltan tendaron en Norvegio. Tie ili komprenis ke posedo de rusa lingvo ne sufichas por paroli kun la eksterlandanoj. Lige kun tio la estrino turnis sin al mi kun la peto instrui Esperanton al ili.Pli ol 25 knaboj lernis la lingvon kun intereso. Hrihorij Berezin, pr. Shahtostroitelej 27-8 343100**

**Krasnoarmijsk, Do, Ukrainio**

---

# Kiel plej bone nomi la diversajn skolt- kaj skoltinvariantojn?

**Jen kelkaj pensoj de nia kasisto David Withey: Mi havis diskuton pri la ghusta vorto por priskribi "brunulineton" (en la angla Brownie Guide). Laù malnova numere de La Skolta Mondo eldonita en la 80aj jaroj oni rekomendas la vorton "skoltineto" pri la junaj skoltinoj char la terminoj uzataj en diversaj landoj multege varias. Estas nuntempe pliaj komplikajhoj speciale en**

**Britio char ni ankoraù havas du apartajn organizajhojn, The Scout Association - la asocio de skoltoj- kaj The Guide Association - la asocio de skoltinoj. Tamen kvankam la skoltina asocio estas nur por knabinoj la skoltorganizo nun akceptas (laù elekto de la unuopaj grupoj) kaj knabojn kaj knabinojn. Kio estas la ghusta nomo por knabino kiu estas skolteto (Cub Scout)? Ankaù la skoltasocio nun havas kastorajn skoltojn (6-8-jaraj) kaj la skoltina asocio Chielarkajn skoltinojn (5-7 jaraj).**

---

# Pasporta Servo - gastiga reto

**Pasporta Servo estas gastiga reto, kiun kunordigas TEJO, Tutmonda Esperantista Junulara Organizo. La nuna eldono havas malgrandan formaton A6. En ghi trovighas adresoj en la tuta mondo. La listigataj gastigantoj estas esperantoparolantoj, kiuj senpage invitas vizitantojn al sia hejmo. La gasto devas paroli esperanton, posedi la Pasporta Servo-libreton kaj agi laù la maniero priskribita de la gastiganto. Tio povas esti ekzemple ke la gasto kunportu dormosakon aù ne fumu endome. La servo estas malferma por chiuj esperantoparolantoj. Vi povas mendi Pasporta Servo de la libroservo de UEA aù de proksima esperanta libroservo. Iuj landaj organizantoj de PS kaj landaj sekcioj de TEJO ankaù vendas ghin pli malmultekoste.**

---

# vinilkosmo-kompil' - muzikado en Esperanto

**EUROKKA, Esperanto- Rok-Asocio estas organizo, kiu okupighas pri esperanta junulara muziko. Ghi eldonas la belan magazinon RokGazet' chiujare kaj alie antauenigas la esperantan popularan muzikon, interalie per eldonado kaj distribuado de muziko. Petu la katalogon de la eldonejo de EÙROKKA Viriilkosmo!**

**Aperis la dua Vinilkosmo-kompil'. Temas pri kompaktdisko/kasedo kun muzikajhoj de diversaj artistoj, kiuj kantas en esperanto. La adreso de EÙROKKA estas simple:**

**F-31450 Donneville, Francio.**

---

# Kio nova en la reto pli SEL?

**Finfine aperis la oficiala pagho pri la agado de SEL dank al helpo de Martin Bähr. La adreso de la pagho estas: http://www.stuts.org/esperanto/scouting Sur ghi vi trovos bazajn informojn pri la Ligo en variaj lingvoj, adresojn de Naciaj Reprezentantoj, kontakteblecojn en la reto kaj ligojn al interesaj, esperantlingvaj paghoj. Krome oni povos trovi baldaù kalendaron pri ontaj SEL-aranghoj. La celo de la pagho estas informi eksteran publikon, skoltaron kaj esperantistaron, pri la agado de SEL, do bonvolu enmetu ghian adreson en viajn publikajhojn. informilojn kaj aliajn broshurojn. Kaj se vi volas reklami vian tendaron en la reto ne hezitu skribi al mi.** ***Jaroslaw A. Fotyga*** **upforyga@klio.umics. lublin.pl**

---

# Bulgario - ekologiaj ekskursoj kaj skoltaj renkontoj

**La Skolta turista klubo en Gabrovo, Bulgario gajnis monhelpon laù la programo FAR kaj tiel sukcesis efektivigi ses gravajn ekologiajn ekspediiciojn en niaj plej belaj montaroj. La partoprenintaj gelernantoj kolektis multe da plantoj, preparis prelegojn kaj fotoalbumojn. Dum aùgusto 1996 en la urbo Kazalak okazis Kvara nacia skolta jhamboreo. Nia klubo partoprenis kun 20 geskoltoj en ghi, el kiuj ses estroj. Poste en Gabrovo ekazis Unua Balkana junulara festivalo. Nia klubo partoprenis en ghi kaj faris proponon dum la sekvonta festivalo organizi en la chirkaùajho de Gabrovo Internacian Skoltan Tendaron de la 20a ghis la 30a de aùgusto 1997. Ni invitas geskoltojn en chiuj landoj partopreni en ghi.**

**Laù la sama programo FAR per la fonduso "Disvolvo de civitana socio" fine de 1996 nia klubo akiris ankoraù du monhelpojn, pri komputilteknika kompletigo de oficejo kaj por ekologia agado che la rivero Rosica, kiu enfluas en la riveron Jantra. La rivero Jantra estas riverbrancho de la riverego Danubo. La lasta projekto estas subtenita de Regiona Ekologia Centro en Budapeshto, kiu zorgadas pri la chirkaùmedio en Centra kaj Orienta Eùropo.**

## Nian agadon povos partopreni geskoltoj el diversaj landoj - bonvolu!

## *Hristo Mandev*

---

# Chu SEL aktivos en Lodzo?

**En Lodzo, Pollando la prezidantino de la Lodza Filio de Pola Esperanto-Asocio mag. Dantita Waszkiewicz sekve de sukeesa informado dum somera tendaro kaj kontaktoj kun SEL planis kurson por geskoltoj en Lodzo. Dum la postvintra lerneja semestro la geskoltoj tamen ne trovis liberan tempon. Probable shi rekaptos ilin aùtune kaj shi optimisme skribas: "*Mi ghojas, ke mi havas junajnhelpantinojn kaj mi esperas, ke mi kun helpo de ili fondos SEL en Lodzo*".**

---

# SEL partoprenu la Mondajn Skoltajn Konferencojn!

**George Fairbairn, la [nternacia Komisaro de Skoltoj en Nov-Zelando permesis la starigon de budo pri Esperanto en la internacia tendo dum la Pacifika Jhamboreo en 1993. Kiam mi ricevis la enketon kaj materialon de SEL (vidu alian artikolon pri tiuj informoj al skoltaj asocioj) mi sendis chion al li. Responde ili skribis ke li neniam vidis ion pri la SEL. en la Internacia Skolta gazeto, sed li kontaktos min post lia reveno de la Monda Konferenco de Skoltoj.**

**La Monda Konferenco (World Scout Conference) okazas chiun trian jaron. En 1996 en Oslo pli ol 700 skoltestroj de cent dudek landoj cheestis. Li serchis inter la montrajhoj por trovi informon pri Esperanto sed vidis nenion. Multaj organizoj havis montrajhojn inkluzive de UN-Asocio kaj Duke of Edinburgh-Instancoj.**

**Antaù la Monda Konferenco estis Junulara Forumo (Yonth Forum), forumo de skoltestroj kiuj havas malpli ol tridek jarojn,**

**kaj ghi allogis sepcent kvindek partoprenantojn.**

**George Fairbairn ankaù faris proponon pri Esperanto dum taùga kunveno de estraranoj de la skolta movado de NovZelando sed neniu montris intereson, SEL sukcesis demonstri la utilecon de la Inteniacia Lingvo dum la Monda Jhamboreo en Nederlando sed ni devas konkludi ke SEL, eble kun helpo de UEA, devas partopreni la Mondan Konferencon de Skoltestroj kaj la Junularan Forumon por kapti la atenton de la gravuloj kiuj havas influon kaj kiuj faras decidojn. La venonta Monda Konferenco en 1999 estos en Sud-Afriko .**

**Gwenda Sutton**

---

# Slovakio - SELSLO ricevis prezidentan inviton

**Manifeston de Prago de la movado por la internacia lingvo Esperanto al la prezidento, al la parlamento, al la registraro de Slovaka Respubliko kaj al la publiko solene transdonis la infanaj delegacioj de SELSLO - Skolta Esperanto-Ligo Slovakia,**

**Responde, la prezidento de Slovakio Milan Kovac invitis SELSLO-anojn al sia rezidejo, kie la 23an de novembro ili estis akceptitaj de kanceliero Ján Findra kaj de Milan Zemko, direktoro de la fako pri interna politiko. Dek tri skoltaj geknaboj kun siaj tri studentaj estroj prezentis diversnaciajn kantojn en Esperanto. La kancelicro alte taksis la unuigon de la sko¡ta kaj Esperanta ideoj en la aktivado.**

**SELSLO strebas aktive kunlabori kun SELanoj de Aùstrio, ChehioHungario tiel formante MESEL -MezEùropa SEL. En Aùstrio ni kunlaboras kun pcrsonoj kun kiuj mi konatighis en**

**Internacia Esperanto-Muzeo, Vieno. Somere okazos Tendaro de Slavaj Skoltoj che Prago. La unuaj tiaj tendaroj okazis en la jaro 1931 tre sukcese. Partoprenis 3000 geskoltoj. En la jaro 1936 estis similaj tendaroj che urbo Spala en Pollando. MESEL - Mezeùropa Skolta Esperanto-Ligo (kun SELSLO kaj SEL-Brno, Chehio) planas kadre de la tendaro organizi internacian SEL-tendaron.**

***Miroslav Havranek***

---

# UEA votas antaùenigi la uzon de Esperanto en la skolta movado

**La estrarano pri faka agado de UEA Amri Wandel de Israelo kaj la prezidanto de UEA Chong Lee de Koreio oktobre 1995 en Parizo vizitis diversajn organizojn por diskuti kunlaboron. Inter tiuj estis ankaù WOSM. Monda organizo de la skolta movado. Ili renkontis skoltestrinon Jocelyne Gendrin, reprezentantinon de WOSM. Shi diris ke la Monda organizo ne povas enkonduki aù proponi Esperanton kiel parton de la skolta programo, sed ke tion povas fari la landaj skoltaj organizoj. Shi ankaù rekomendis ke ni kunlaborukun la Eùropa regiono de WOSM kun kiu ni jam havas kontaktojn.**

**La prezidanto de UEA Chong Lee antaù kaj post la renkonto en Parizo montris grandan intereson pri la laboro de SEL kaj proponis al SEL organizi kunsidon por diskuti kiel stimuli la landajn skoltajn asociojn agi pri Esperanto dum sekvonta Universala Kongreso.**

---

# Faldebla Esperanto-elektro

**SEL en Belgio produktis la didaktikan panelon Esperantoelektro kaj ghi estis uzita multloke, ekzemple en la Eùropa kaj Monda Jhamboreoj. Nun SEL-Belgio planas eldoni faldeblan version de la interaktiva panelo, grandeco 1.20 x 0,75 m (en du partoj) kun trikoloraj tekstoj kaj bildoj. Plasta materialo, belaspekta prezento.**

**La transportformato en skatolo estas 75 x 65 cm. La bildoj estas de Jhamborea Lingvo, sed la panelo taùgas por prezentado de Esperanto al chiuj.**

**La prezo estas 5900 BEF por la panelo kaj 1600 BEE por (nenepra) stativo. Kontaktu Arie Bouman, NR., Belgio.**

---

# Esperanto por skoltoj en nova skolta movado

**Sergej Malcev laboras kiel instruisto en Krasnodara lernejo kaj gvidas 10-12 jarajn geknabojn laù skolta programo. Aperis prezento pri li en la antaùa numero de La Skolta Mondo. Nun li havas novan adreson. Lia skolta grupo volas korespondi kun alia skolta grupo (vidu anonctabulon)**

**Li invitas al la tendaro "La Suna Mondo -97 " somere 10-12 aùgusto. Li skribas: Mi pensas ke nia juna, jhus renaskighinta skolta movado estas bona kampo por propagando de Internacia Lingvo kaj petas vin kontribui al la afero per via cheesto. Li bedaùras ke ohe inter la eksterlandaj kaj rusaj skoltoj ne estis komunikado - videblas la lingva problemo.**

**Fine de oktobro pasintjare li partoprenis renkonton por skoltestroj kaj interesighantoj pri skoktismo. Unu de la**

**programeroj temis pri" La nacia edukado". Parton de sia parolo Sergej Malcev dedichis al la neceso de neùtrala internacia lingvo kiel rimedo por protekto de lingvokultura diverseco. Rezulte 6 el proksimume 30 skoltestroj cheestintaj petis lin sendi al ili lernilojn de Esperanto.**

---

# Sunurbo disvastigas ghojon en Kroatio

**Kroataj skoltoj fondis la projekton "Sunurbo" por helpi al infanoj-militviktimoj, por ke ili dumsomere por du-tri semajnoj ekkonu ion novan kaj forgesu la malbelajn tagojn de sia infanaghoj.**

**Dum kvar jaron la projekton entute partoprenis 1058 infanoj-militviktimoj (rifughintoj kaj scngepatruloj), 1007 skoltoj kaj 356 volontuloj (skoltoj kaj junaj membroj de aliaj organizoj).**

**De la komenco la projekton ankaù aktive partoprenas Kroata Esperantista Ligo organizante Esperantokursojn. Esperantistoj ankaù helpis per gvidado de aliaj laborgrupoj, ekzemple desegnado kaj sporto.**

**Eksterlandaj skoltoj kaj aliaj volontuloj povas partopreni. Speciale bonvenaj estas kompreneble SELanoj.**

**Marija Belosevich**

# Informpakajho sendita al skoltaj kaj skoltinaj organizoj

SEL dissendis informpakajhon al la skoltaj kaj skoltinaj ocganizoj en Eùropo kaj al pluraj alikontinentaj. Post diversaj komplikajhoj pri la kompilado kaj dissendado tio realighis printempe kaj somere 1996.

La sendajo konsistis el enkonduka letero adresita al la internacia sekretario, informa artikolo pri SEL, informoj pri Jhamborea Lingvo kun demandaro, bilda esperanto-lecioneto kaj ekzemplero de La Skolta Mondo. La informoj estis skribitaj dulingve, angle kaj france. Tiuj estas la oficialaj lingvoj de la monda skolta organizo.

Ko Hammer prizorgis la kolektadon de la reagoj al nia informpakajho kaj la respondadon al la reagintoj. Dankon al li. Nun prikonsiderindas plua agado gvide de la Centra Komitato.

Ankaù la Naciaj Reprezentantoj de SEL ricevis la sendajon informe, kun instigo kontakti siajn naciajn organizojn pri la afero. Tion faris ekzemple Gwenda Sutton en Nov-Zelando (vidu la alian artikolon sub etaj notoj). Ankaù Ludwig Mayer, skoltestro el Munkeno en Germanio ricevis la informojn. Li reskribis ke kvankam li ne nun estas aktiva skoltestro li plusendis la informojn al sia skoltdistrikto. Vershajne ankau kelkaj aliaj SELanoj kontaktis siajn skoltasociojn. Ekzemple ni en Finnlando telefone parolis kun la internaicia sekretario de la Geskolta Asocio, kvankam tio ne kondukis al resendo de la demandaro.

Tiuj kiuj resendis la demandaron ricevas senpagan jhamborea Lingvo. Ni demandis ekzemple pri la ebla ekzisto de Esperanto-aù lingvoinsigno en tiu asocio kaj chu la respondinto antaùe aùdis pri SEL .

Ni ricevis kelkajn respondojn. En Turkio la letero kondukis al artikolo en nacia skolta gazeto kaj korespondpeto de juna skoltino, kiu eklernis per jhamborea Lingvo (vidu Anonctabulon). Ankaù el Kazahio kaj Jugoslavio venis respondoj kaj de skoltina asocio en Portugalio. Venis ankaù kelkaj mendoj pri jhamborea lingvo. Kutime la respondintoj jam antaùe aùdis iufoje pri Skolta Esperanto-ligo. Estas kompreneble ke tiuj kiuj neniam antaùe aùdis pri SEL pli malvershajne reagas. Se vi scias pri artikoloj pri SEL en skoltaj aù aliaj gazeto, bv. sendi kopion al la redaktoro. Mi kolektas ilin. Ili povas servi kiel instigo kaj idefonto por aliaj. AMo

Alvoko al samaghuloj:

# FORJHETU MILITLUDILOJN!

*La plej junaj membroj de Kroata Esperantista Unuigho, kursanoj en la bazlernejoj okaze de Kristnasko kaj Novjaro direktis chi tiun mesaghon al siaj samaghuloj tra la mondo.*

KARAJ SAMAGHULOJ.

Pluraj samaghuloj en nia lando suferis dum la militaj jaroj. Infanoj kiuj restis sen patroj, hejmoj, parencoj, plej bone scias kaj memoras la terurajhon nomatan milito.

Ni ne deziras ke iu ajn en la mondo plu suferu pro ghi. Ankaù ni ne deziras militon en niaj ludoj, ni ne deziras 'militkapti" kaj "mortigi" niajn amikojn dum niaj ludoj. Ni deziras pacon dum ludado, pacon en la mondo. Ni invitas vin, ke ankaù vi forjhetu militludilojn.

SAMAGHULOJ,

ni kune invitu niajn gepatrojn ke ili pli da tempo pasigu kun ni, ke ili ne provu acheti amon donacante militludilojn. Ili ebligu al ni

**pacan kaj senzorgan infanaghon dum kiu ni povus ekkoni kulturajn kaj naturajn belojn de niaj kaj aliaj landoj. Ni ankaù invitu shtatestrojn, ke ili alskultu niajn vochojn kaj finance malapogu tian industrion kaj vendistojn.**

**Finante chi mesaghon, ni deziras al chiuj Felichan Kristnaskon kaj pacan Novjaron en varmaj hejmoj kun senlima gepatra amo.**

**Zagrebo, decembro 1996**

**Junaj membroj de Kroata Esperantista Unuigho.Ilia adreso che Marija Belosevich, Sveti Duh 130, 4100 Zagreb, Kroatio, retadreso: mbelosev@public.srce.hr**

# SEL kun TEJO seminariis sen Limoj

***Jen raporto pri la TEJO-SEL seminario el vidpunkto de organizanto pri la signifo de la okazajho por SEL.***

**Skolta esperanto-Ligo kune kun TEJO, Tutmonda Esperantistas Junulara Organizo, organizis seminarion en Lublino, Pollando, la 26an de oktobro ghis la 2a de novembro. La temo de la seminario estis "junularo sen limoj- agado por internacia interkomprenigho". Finance subtenis la Eùropa Junulara Fondajho de la Konsilio de Eùropo.**

## Partoprenantoj de SEL

**La iniciaton pri la seminario faris flanke de SEL Jaroslaw Fotyga, NR de SEL en Pollando. Pri la celoj de la seminario por la evoluigo de SEL li ankaù skribas en chi-numere publikigata strategio. Flanke de SEL en la organiza teamo partoprenis ankaù Katarzyna Malinowska de Pollando, kaj mi, Anna Ritamäki. Mi krome ankaù estas aktiva en TEJO.**

La intenco estis ke proksimume duono de la partoprenantoj venu de SEL. Tamen tiun ni ne sukcesis atingi. Ni havis je nia dispono 35 partoprenlokojn, sed ne venis sufiche da alighoj, speciale SELanoj mankis inter niaj alighintoj. Fine partoprenis, krom la skoltoj de la organiza teamo tri SElanoj: Maciej Eder de Pollando, Jaroslav Lishka de Checha Respubliko kaj Ludwig Mayr de Germanio. Krome Bill Mak de Kanado ankaù partoprenis skoltadon en Honkongo antaù sia translokigho al Kanado.

Sekve cheestis entute sep personoj kun skolta fono.

Kial ni ne sukcesis atingi pliajn? Vershajne la datoj influis. Por multaj estas maleble liberighi de aliaj devoj por tiu periodo. Ankaù la chefa celgrupo - junuloj inter 18 kaj 30 jaraj- estis limiga. Ni ne sukcesis klare komuniki ke ankaù pli aghag estroj povus veni. Tiuj kiuj ne povus veni kun statuso de partoprenanto porvus formale partopreni kiel programkontribuantoj. Por pli junaj ni estus povintaj ankaù organizi kromprogramon laùdezire. Ankaù ni povis doni pli ol la promesitan 40%an repagon de vojaghkostoj al partoprenantoj post peto.

## La programo - la skolta kontribuo

La programo, kvankam ne pure skolteca kun agado en la naturo kaj praktika laborado, enhavis ankaù tipo skoltecajn erojn. Tiaj programeroj estis ekzemple la vespera kantado, la poezia vespero en kandela lumo kaj la vizito alia tombejo la vesperon de la Tago de sanktuloj. Ankaù ni prezentis skoltadon al la neskoltoj.

La pola "Bardo sen barbo" Georgo Handzlik, konata en SEL pro okazigo de SEL-kursoj kaj -tendaroj, vizitis nin kaj prezentis por ni ankaù kelkajn tute freshajn kantojn. Krome pluraj de la partoprenantoj estis diversmaniee muzike talentaj kaj tio kontribuis al bona etoso.

Vizitis nin la internacia komisarino de la Pola Skolta Asocio

**(PZH) Ewa Lachiewicz. Tiel shi povis persone kaj nature konahgi kun SEL. La kontaktoj kun PZH certe ankaù estontece estos fruktodonaj por SEL.**

**La temo "junularo sen limoj - agado por internacia interkomprenigho" permesis multflankan pritraktadon. Baze grava ilo por la interkomprenigho kompreneble estas kuna seminaria restado kun kunuloj de pluraj landoj. La aliaj programeroj simple kompletigis kaj atentigis pri la memspertita.**

**Ni ankaù uzis modernan komputilan teknikon por interkomprenighi internacie. Ni ricevis salutmesaghojn de la tuta mondo - 30 landoj -per retposhto en Esperanto kaj nacia lingvo. Ni havis propran paghon pri la seminario en la Tut - Tera Teksajho (world-wide Web) de la monda komputila reto kaj lernis kiel uzi la retan.**

Ni krome organizis internacian manghan vesperon kaj ekspozicion krom la ludoj-ekzercoj, prelegoj kaj laborgrupoj diversaj.

## Informa efiko

La seminario kontribuis al pli bona konatigho kun SEL flanke de TEJO, speciale inter la partoprenantoj de la seminario. SEL ighis pli konata inter Esperantistoj tutmonde pro informoj en la Esperantogazetaro.

Ni ankaù sendis informojn pri la seminario al skoltaj kaj skoltinaj organizoj. Vershajne ne aperis informoj pri la seminario multloke, sed surprizite nia prezidanto Franco Abriani trovis informon pri ghi en sia skolta regiona gazeto. Post la seminario en la gazeto de la Eùropregiona skolta kaj skoltina oficejo Eurofocus, junio 1997 (n-ro 27), aperis artikolo de Jaroslav A Fotyga kun la titoto "Leaders working for "Junularo sen limoj". Do, iomagrade nia informado certe sukcesis!

## Signifo por la estonto de SEL

Montrighis ke ne eblis fari multajn planojn aù diskuti strategion por SEL dum la seminario, chefe char la plej multaj SEL-aktivuloj ne cheestis. Aliflanke la cheestantaj skoltoj ekkonis unu la alian kaj ghuis la kunajn tagojn. Por iuj la seminario estis grava, nova sperto, ekzemple Ludwig Mayr nun unuafoje partoprenis internacian Esperanto-renkonton. Por Katarzyna la unua renkonto kun SELanoj de eksterlando venis lige al la organizado de la seminario. Char nia Ligo formighas de la kuna laboro de unuopuloj chiuj pozitivaj spertoj kaj konatighoj inter la membroj estas favoraj.

Kiam la raporto de la seminario pretos espereble ankaù tiu montrighos utila estonte.

## Chu denove?

Chu ni denove povos organizi ion similan? Kaj chu ni denove povos akiri subvencion de la Eùropa Junulara Fondajo? La subvencion por la seminario ni ricevis pere de TEJO, kiu estas sufiche granda, aktiva kaj stabila organizo por ricevi subvenciojn de EJF. Sole ni tion ne povus atingi. Kunlabori kun TEJO che EJF ni vershajne povos denove post kelkaj jaroj. Tio postulas ke ni tion vere volas, do ke ni havas sufiche da seriozaj interesitoj, kiuj pretas prizorgi la organizadon laù la principoj starigitaj de la EJF kaj konsidere al la tradicioj de TEJO. EJF-subvencipeton oni devas ensendi ch. unu jaron antaù la okazajho.
AMo

Respondo al la Jhamborea Lingvo-tasko de la pasinta numero:

La NEflavaj literoj formas: LA 18a MOND- JHAMBOREO. Chu vi povas trovi aliajn vortojn? Sendu ilin al la redaktorino

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| L | A | 1 | 8 | N | A | M | A | P | O |
| O | M | O | O | A | K | E | L | A | O |
| M | T | D | 0 | D | N | E | T | T | N |
| R | O | R | O | N | D | E | E | R | G |
| O | T | S | U | D | R | O | N | O | I |
| F | L | JH | A | P | O | S | D | L | S |
| I | O | A | U | P | O | K | A | O | N |
| N | K | T | M | B | M | A | R | SH | I |
| U | S | F | A | J | R | O | O | O | R |
| E | O | K | U | T | L | O | K | E | O |



# JHAMBOREA LINGVO

*En skoltaj renkontighoj, kie ni parolas Esperanton ni bezonas skoltajn vortojn. Tiajn ni trovas abunde en la lernolibro de SEL ,,Jhamborea Lingvo" - kiu donis la nomon al nia rubriko - kaj en la ,,Skolta kaj tenduma terminaro", ambaù libroj verkitaj de J. K. Hammer. Tiujn du librojn ankaù ni konsultas dum ni preparas por vi etajn skoltlingvajn ekzercojn en La Skolta Mondo.*




*Ni havis konkurson en La Skolta Mondo 2-3/95. La tasko estis skribi rakonton pri unu tago dum tendaro kaj en ghi uzi almenaù dek vortojn de la provizita bildo, kiun vi trovas sur la pagho. Venis nur unu respondo, sed tiu respondo estas des pli interesa. Ghin verkis István FEHÉR el Hungario laù siaj propraj rememoroj de la 30-aj jaroj. Kiel gajninto de la konkurso li ricevis unu ekzempleron de Jhamborea Lingvo.*

---

# Unu tago dum tendaro (Rememoro)

Somero estis, Aùgusto. La suno jam frumatene dissendis siajn orajn radiojn, kiam ni dekduope (kiel la apostoloj) kaj nia "maljuna" skoltestro (35jara mezlerneja instruisto de hungara kaj germana

lingvoj kaj historio) kolektighis por partopreni en skolto-tendaro.

## Atendado kaj preparigho

**Mi rememoras kiel mi atendis la komencighon de la tendaro, kiam nia tachmento renkontighis, en la kunvenejo (en la gimnastika chambrego de nia lernejo ) che la *flago* kiun tenis en la mano pli agha skolto, nia help-estro.**

**Je la lasta kunveno la estro parolis pri chio, kio estis grava por nia preparado. Kiu havas kompason, ne forgesu hejme, kaj chiu nepre portu kun si: gamelon (metala manghovazo], ladbotelon, tranchilon, manghilojn, lardon, sekan kolbason, salon, panon por du tagoj - sapon, tolajhojn k.t.p.)**

**Kaj alvenis la atendita tago. Je la sesa horo matene alvenis eta aùtobuso, kaj ni okupis la sidlokojn. Ridemaj vizaghoj, gaja etoso, kaj kiam post duona horo la aùtobuso jam forlasis la limon de Budapeshto, kaj rulis sur la landvojo, ni matenmanghis el la dorsosako, kaj poste komencighis bonhumora kantado. Tra la fenestro estis videblaj pajlo-staketoj, verdaj kampoj, pli malproksime turoj de vilaghaj preghejoj, kaj etaj, foraj, blankaj vilaghaj domoj.**

**Nia celo estis eta vilagho, proksimume 120 kilometrojn de Budapeshto, apud monteto, laùnome Ashar-ghardeno.**

## Starigo de la tendaro

**Kiam antaù la 9-a horo ni alvenis, ekvidante la pejzaghon, enspirante la freshan, puran aeron, mi jam sciis, ke agrablaj tagoj sekvos por ni. Ni trovis nin sur granda kampo, kiun chirkaùbrakis arbaro, kaj de sur la monteto fluis kristalpura, malvarma rojo [rivereto]. Ideala loko por tendumi.**

**Post ioma ripozo komencighis starigo de *tendoj*. Inter ni estis**

**skoltoj, kiuj jam partoprenis en tendumo, kaj ili diris, montris, kiel ni devas "konstrui", starigi la tendojn. Che chiu tendo estis unu pli agha skolto, kaj tri lupidoj, kaj ghis tagmezo la tendoj estis pretaj. La kvinan tendon preparis la skoltestro kaj lia edzino.**

**Kolektighis la tachmento. Ordonoj! Vi kvarope kolektu sekajn *branchojn* ,vi kvarope elpaku el la aùtobuso chion, kion ni kunportis kaj bezonas: la grandan kaldronon (granda metalvazo por kuiri, boligi k.t.p.j), la grandan sakon, plenan de *terpomoj*, kaj la etajn sakojn, en kiuj estis bulboj (cepoj), kapsiko, grasajho, fresha kolbaso abunde k.t.p.**

**Dum unu grupo elpakis la aùtobuson, la alia grupo kolektis sekajn branchojn, la tria grupo sensheligis terpomojn, kaj la kvara kvarono starigis la stablon [tablo por metia laboro] kaj surpendigis per hoko la grandan kaldronoti kaj faris el la branchoj *fajron*.**

# Mangho

**Orde okazis chio, char chiu rapide, lerte laboris, kaj laù konsiloj de la edzino de la skoltestro, post manlavado el chiu grupo unu knabo komencis kuiri la jam tre atenditan tagmanghon, char post la vojagho, la laboro, kaj pro la fresha aero ni jam estis malsataj.**

**Ah! kiel gustis al ni chiuj la hungaremaniere preparita terpomo-supo, en kiu estis krom terpomoj ankaù kapsiko, rugha papriko kaj kolbaso-pecetoj. (Ankaù nuntempe mi kuiras tiun chi terpomsupon hejme.)**

**Post tagmangho en *siteloj* kelkaj portis akvon de la rojo kaj varmigis akvon en la kaldrono, por lavi la gamelojn, manghilojn...**

## Cifermilito

**Ankoraù estis frua posttagmezo kaj la 12 knaboj komencis ludi**

**pacan cifermiliton. Ses skoltoj havis sur dorso grandan blankan paperon, sur ghi numeron, bone videblan, kaj la aliaj ses knaboj bavis verdan paperon sur dorso, same kun ciferoj. La du tachmentoj disighis, kasis sin en la arbaro, kaj ni devis okupi la etan, kadukan (malforta, baldaù falonta pro malnoveco) ligno-dometon. Se iu rimarkis, kaj povis legi la numeron de la knabo, kiu apartenis al alia tachmento, li devis krii ekz. verda kvin aù blanka du. Tiu tachmento venkis el kiu pli da knaboj atingis sen rimarko la kabanon, la "fortikajon". Agrable pasis la tempo.**

**Malproksime de la tendaro ni "konstruis" ankaù *necesejon*, kie ni uzis pilo-lampon vespere.**

# Vesperigho

**Sub La chiela tendo, kiam lumigis la vesperon la luno kaj la steloj, ni faris bivakfajron kaj chirkausidante ghin ni kantis komune. Estis iu, kiu deklamis, diris fabelon, alia skolto shercojn, kaj intertempe ni vespermanghis.**

**Ni metis sur longajn branchojn lardepecen, ni metis ghin super la fajron, la lardo rostighis, la grasajhon ni shmiris sur la pano kaj tiu pashtista vespermangho tre gusris al ni. Pasis unu tago. Ni enlitighis en la tendo. La kvar tendoj estis en cirklo, kaj meze estis la *standardeto*. En chiu horo alia knabo estis la nokta gardisto, kiu gardis nian kvietan songhon. Ne malproksime staris la tendo de nia skoltestro kaj de lia edzino. kaj sekvis ankoraù kvin agrablaj, neforgeseblaj tagoj.**

## Sekvataga surprizo

**Mi volas mencii ankoraù, ke la dua tendara tago dimancho estis. Kaj kiam ni jam chiuj estis pretaj post lavado, gimnastiko, matenmangho - sekvis la surprizo:**

**La skoltestro starigis nin en duopa vico, kaj ni ekiris al direkto de**

**la arbaro. Post kelkaj minutoj ni alvenis. Tie kie estis maldense la *arboj* - kvazaù eta placo formighis tie - ni ekvidis krucon faritan el longaj sekaj branchoj kaj antaù la kruco staris juna pastro. Li salutis nin, kaj parolis eble 10-15 minutojn pri Jesuo, pri liaj instruoj kaj li deziris al ni agrablan amuzon. Nur poste ni eksciis, ke lin invitis nia skoltestro, por celebri al ni mallongan meson.**

**La pastro kaj nia skoltestro estis kune studentoj en la mezlernejo, en la gimnazio Tiu meso estis alia, el la kutima. en la preghejo. Tiu meso estis nur la nia, la juna pastro parolis nur al ni. Li serchis niajn okulojn. Li volis renkontighi kun ni ankaù anime. Kaj tiu persona kontakto estis por ni kortusha. En la preghejo,dum meso, fermante miajo okulojn, foje-foje mi resonghas tiun meson, kiu okazis antaù 62 jaroj.**

**Sufiche langa estis tiu rakonto pri tendara tago. Pro tio mi ne volis detale skribi pri kiel ni "konstruis" per helpo de *hakilo*, *shnuro*, *shpato*, *ligna najlo*. Anstataù *telero* ni uzis gamelon, anstataù *viando* ni manghis kolbason, kaj per eta chareto ni portis chiam freshan panon el la vilagho kaj tiel plu...**

**La tendumo, la skolta vivo, restas en mia memoro.**

***István FEHÉR***

# Krokizi estas facile

Kiel Krokizi viron, virinon, infanon.

Desegnu ovalon. Tio estas la kapo. Aldonu al ghi la brakojn, la krurojn komencante de tie (kolo).Poste aldonu la che la kolo kaj la piedojn (laù la direkto de la persono). Jen la baza skizo de la homo.





Nun aldonu ankoraù la okulojn, la nazon, la bushon, la chapelon aù (se vi intencas desegni virinon) la robon -

Chu vi preferas silueton? Pintigu la unuan kaj vi havu la kapon kun la nazo.

Aldonu la brakojn, la krurojn la piedojn...



kaj nun movigu la silueton .Nun la homo ...



promenas ........kuras.......... saltas....... montras



portas....... parolas .. aùskultas ... kaj finfine ripozas!

Observu en la vivo la personojn, kiel ili movighas, laboras... kaj provu skizi iliajn movojn.

Faru ankoraù pashon: donu al la vizaghoj la taùgajn trajtojn kaj esprimojn



Faru la samon je la manoj.



Kaj nun al : provu kaj reprovu! krokizu unue per krajono.

Iom post iom perfektigu vian skizon -kiam ghi estas sufiche kontektiga surmarku la ghi plej bonajn strekojn per plumo kaj poste forstreku per skrapgumo la kranjonajn liniojn

Kaj surtute persistu!

**Al vi chiuj plej**

**korajn bondezirojn de plena sukceso!**

Krokizi (Laù Plena Ilustrita vortaro): Rapide skizi per krajono plumo aù peniko prezentante nur la karakterizajn trajtojn de la modelo, ordinare sen intenco tion poste kompletigi.

# Pacienca Araneo

*Kial Pacienca araneo? La araneo estas simpatia besto: La araneo konstruas araneajhon. Poste la vento blovas kaj ghin detruas. La araneo pacience rekonstruas unu, du, , tri ... fojojn. Finfine la vento chesos kaj la araneo atingos la celon!*

---



# DUCENT GESKOLTOJ GAJNIS NOVAN FAKINSIGNON DUM LOISTO-TENDAREGO

**Post longdaùra strebado ja NR de Finnlando en junio 1996 sukcesis konvinki la decidantojn pri fakinsignoj en sia lando ke gravas havi insignon pri lingvoj. La regularo de fakinsigno LINGVISTO pri konatigho kun nova lingvo estis akceptita sen gravaj shanghoj.**

**La unua ebleco gajni la novan insignon okazis en julio dum la tendarego Loisto, kie 200 geskoltoj kaptis la okazon. Ili partoprenis la programon "Esperanto-vojeto". Ghin dum la printempo preparis grupo de junaj skoltestrinoj.**

**Maksimume 30 geskoltoj samtempe povis partopreni la programon. Per ludoj kaj kantoj ili lernis salutfrazojn kaj kalkuladon. Ili che unu stacio prezentis sin kaj rakontis sian aghon, che aliaj ili lernis pri hobioj, familio, koloroj kaj korpopartoj.**

**La geskoltoj ricevis kajeron, kie estis skribita pri la estigho de Esperanto kaj kompreneble pri SEL kaj ties publikajoj. La lasta tasko estis esperante intervjui novan skoltamikon, kiu bedaùrinde ne estis eksterlandano. Mankis eksterlandaj SELanoj en la tendarego.**

**Dum la vojeto la partoprenantoj ricevis la bazajn sciojn de submajstra nivelo (rigardu la sekvan paghon) kaj faris la aktivajhojn 1, 3, 5 kaj 10.**

**Ne chiuj tendaranoj havis eblecon partopreni la vojeton, sed la Esperantoelektro staris che la vojo kaj multaj ludis per ghi. Aliaj ricevis informon pri Esperantujo en la ínternacía tendo kaj kelkaj aùskultis prelegon pri la Fenomeno Esperanto en Café Global.**

**Pli ol dekmil geskoltoj partoprenis la tendaregon, kiu havis**

**propran gazeton kaj radioelsendojn. La SEL-agado estis menciita en ambaù komunikiloj .**

**Dum la jaro oni ankaù prezentis la novan fakinsignon en la flnna skolta gazetaro. Sur la insigno estas mondomapo en parolbobelo, kiel sur la insigno de la vojeto (rigardu la frontpaghon) sed sen vizaghoj. Vi povas mendi de la redaktoro la Lingvisto-insignon kaj la kajeron uzitan dum la vojeto.**

*Carola Antskog*

---

# Fakinsigno Lingvisto

**Farante la insigno taskojn vi ekkonos lingvon kaj ties kulturon. Plej agrable estas se la tuta patrolo laboras kune. Elektu lingvon kiun vi ankoraù ne konas (ekz. esperanton, la saman (laponan) aù la japanan). La nivelo submajstro estas por personoj tute sen antaùscioj. La Nivelo majstro estas por tiuj kiuj jam regas la lingvon je submajstra nivelo.**

**SUBMAJSTRO**

**A. Bazaj scioj**

- **Konas la historian evoluon de la lingvo, la lingvogrupon kaj la karakterizajn trajtojn dela lingvo (alfabeto, prononcado...)**
- **Scipovas kelkajn vortojn kaj frazojn:saluti, prezenti sin, danki, adiaùi, skolto, estu preta...**
- **Scipovas kalkuli ghis dek.**

**B. Aktivajhoj Elektu almenaù 4 aktivajhojn**

**MAJSTRO**

**A. Bazaj scioj**

- Regas la bazajn sciojn de la submajstra nivelo.
- Konas la nomojn de tri verkistoj kaj ties plej gravajn verkojn. Legis unu el la libroj (originallingve aù tradukite) aù alimaniere konatighis profunde kun unu el la verkistoj. (Konatighu kun la stokon de via librejo). Se bezonate vi povas peti prunton de alia librejo.
- Scias parkere la skoltan promeson, poemon, kanton, aù ion similan

B. Aktivajhoj

Elektu almenau 4 aktivajhojn. Se vi ne faris la submajstran nivelon antaùe vi devas fari almenaù 6 aktivajhojn.

Listo pri aktivajhoj.

- Kantu kanton aù partoprenu ludon tiulingve.
- Faru tiulingvan ludmaterialon, krucvorton aù bildstrion.
- Konatighu kun skolta organizo kiu uzas la lingvon, ekz. insigno, moroj kaj publikajhoj.
- Eksciu chu ekzistas amiksocieto aù alia societo por la lingvo aù la lando(j) kie la lingvo estas parolata kaj konatighu kun ties agado.
- Partopreni kunvenon kie oni prezentas la lingvon aù kulturon. Vi povas ekzemple inviti personon kiu parolas la ligvon al via patrolkunveno.
- Partoprenu bazan kurson (ekz. semajnfinan kurson aù leterkurson).
- Faru instrubildon aù libreton kie la lingvo kaj ties kulturo aù skoltado estas prezentata.
- Spektu filmon, aùskultu radioprogramon aù aùskultu kelkajn popularajn (kantsurbendigojn kaj eksciu la signifon de la tekstoj.
- Planu kaj kaj efektivigu aktivajhon kie la lingvo estas grava, ekz. tendarfajron, feston por la interpensa tago aù spuradon

.Vi povas uzi kantojn, ludojn kaj rakontojn originallingvaj aù tradukitajn.

- Parolu la lingvon kun persono kiu bone scias ghin. Salutu, prezentu vin kaj eksciu ties nomon, de kie tiu venas k.t. p.
- Korespondu en kiu ajn lingvo kun persono, kiu uzas la lingvon kiun vi lernas.
- Skribu raporton pri tio kion, vi lernis pri la lingvo, la kulturo ktp. al ekz. via trupa gazeto.
- Meditu pri la laboro kun la fakinsigno kaj kiel tiu helpis al vi evoluigi vian personecon kaj la skoltajn idealojn. Notu viajn pensojn aù diskutu ilin kun aliaj.

---

# FLEGU LA FLAMON



*CHIFOJE NI ELEKTIS DU KANTOJN DE LA LIBRO FANTAZIOJ KAJ KANTOJ POR INFANOJ DE JON ROMMESMO. EN LA LIBRO KIUN ELDONIS ILEI, (PF. 193, H-1368 BUDAPEST, HUNGARIO) ESTAS 56 KANTOJ KAJ 17 RIMAJHOJ, OFTE LIGITAJ KUN LUDOJ KIE LA PLI AGHAJ FARAS ION KUN INFANOJ.*

JEN INFANOJ BRUNAJ








JEN INFANOJ KIEL FRESHA PAN'

KELKAJ HELE FLAVAJ

JA KIEL LA BANAN'

BLANKAJ, PRESKAU NIGRAJ

KIA HARMI'!

MULTAJ TRE DIFERAS,

INTERNE SAMAS NI

2.- KELKAJ DIRAS "jes"

KELKAJ DIRAS "JA";

KELKAJ DIRAS "OUI"

KAJ KELKAJ DIRAS "DA"

KELKAJ DIRAS "SI"

KAJ KELKAJ NUR AKLAMAS

MULTAJ TRE DIFERAS

INTERNE TAMEN SAMAS.

3.- IMAGU SE NI NUR FARUS

LONGAN VICON NUN:

INFANOJ LUDE STARUS

DE OSLO GHIS RANGOON.

KIA LA&UGRAVE;TA RID'

KAJ KIA LA&UGRAVE;TA KRI'!

MULTAJ TRE DIFERAS

INTERNE SAMAS NI!

1. ĈE LA MANĜOTABLO

C F C
JE VI-A SA-NO, SAM-I-DE-A-NO
G7 C
ĜO-JU NI, MAN-ĜU NI, JE VI-A SA-NO
C F G7 C
ĜO-JU NI, MAN-ĜU NI, JE VI-A SA-A-NO!
C F G7 C
ĜO-JU NI, MAN-ĜU NI, JE VI-A SA-NO!

CHE LA MANGHOTABLO

POR LA MANGHO DANKON.

NI NE TROVIS MANKON,

DANKON!

---

# ANONCTABULO

| | |
|---|---|
| **Mi estas skoltino kaj lernas la lingvon internacian. Mi havas 15 jarojn. Mi shatas vojaghi kaj kuiri. Mi ankaù shatas sporton, skoltotendarojn kaj volonte lernas la anglan lingvon. Mi dezirass trovi amikojn inter geskoltoj tutmonde. Anna Kubrjakova,** | **Mia nomo estas Alan Kerr. Mi estas 12-jaragha. Mi estas skolto. Mi havas hundon. Mi shatas sciencon kaj akvopilkon. Mia adreso estas: Alan Kerr, 4 Humphery st. Waverly, Launceston 7250, Tasmania,** |

| | |
|---|---|
| ul Parhomenko 2-6, 183042 Murmansk, Rusio. | Aùstralio. |
| Mi estas ano de esperantoklubo en Jhelum kaj mi estas nova skolto. Mi shatus skribi leterojn en Esperanto kun vi. Mahmood Hussain, s/o Karamdin, HNO BI 786 St. Sufi, Aslam Moh/Islima High School, Jhelum, Pakistano. | Nova adreso de skoltestro Sergej Malcev estas : 350000 Krasnadarcentr, a /ja 5680, Rusio. Lia skoltgrupo volas komenci grupan (patrolan kaj svarman) korespondadon. |
| Mi deziras koresponsi kun 10-11 jaraj knabinoj kaj knaboj, kiuj interesighas pri Esperanto, lernas ghin kaj shatas filatelon, kantadon, bildkartojn, eksterlandajn bank-biletojn ktp. Mi havas 39 jarojn kaj mi loghas en prizorga hejmvilagho. Mia adreso estas: Tapani Lappaleinen, Kivalakotikylä, FI-375000 Lempäälä, Finnlando. Foto estus amuza kaj interesa sed ne deviga. | Korespondi en facila esperanto deziras skoltino Ceyda Durgun. Shia adreso estas Deniz Köskleri, Mah Sirma Sok. 7/1, 34840 Avcilar, Istanbul, Turkio. |
| Koran dankon al S-ro Kjell Peder Hoff el Norvegio pro la donacita al SEL en Bulgario. | Didaktika panelo achetebla che Arie Bouman, pliaj informoj sub etaj notoj. |






standardeto
necesejo
standardo
arbo
tendeto
branĉo
jako
tendo
trikoto
fosto
flago
ŝnuro
bankalsono
hakilo
ligna
najlo
ŝnureto
tasoj
poto
fajro
terpomoj
sitelo
ŝpato
pato
viando
teleroj
ŝtipo